# ESPERANTO

**Internacia Revuo, eldonata de la Universala Esperanto-Asocio**

**Fondinto: H. Hodler.†**

**Redaktoro Provizora: M. Movo (M. Wittenberg)**

**Redakcio: 1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svislando**


# LUGANA LAGO

(Svislando)

*Unu el la plej belaj svislandaj lagoj, ampleksanta 5540 hektarojn. Aŭtune kaj printempe Lugano altiras, pro sia agrabla klimato, multajn vizitantojn eŭropajn kaj transoceanajn.*

**ENHAVO:**




**32-a Jaro N° 428**

**APRILO 1936**




Photo House H. Ruedi S. A., Lugano

# Universala Esperanto-Asocio



Centra Oficejo :
1, Tour de l'Ile, GENÈVE, Svisl.

## Oficiala Informilo

28-a Administra Jaro 1935/36
N-ro 6 — Aprilo 1936

*Novorganizo de la C.O.*

Pro la deciditaj ŝanĝoj en la laboro de la C.O., parte preparataj, parte jam efektivigataj, ni atentigas, ke la funkciado de ĉiuj servoj antaŭenmarŝas tute normale. La ĉefdelegitoj, delegitoj, perantoj kaj landaj sekretarioj bonvolu ankaŭ regule daŭrigi sian normalan laboron pri varbado de novaj membroj, enkasigo de la membro-kotizoj ktp.

*Ĉefdelegiteco en Aŭstrio.*

En niaj numeroj de decembro 1935 kaj de januaro 1936 ni informis pri ŝanĝo en la gvidado de la ĉefdelegiteco en Aŭstrio. Tiuj informoj bedaŭrinde kaŭzis kelkloke miskomprenon.

La antaŭa ĉefdelegito, S-ro Erwin Gerhard Bernfeld, dum 10 jaroj dediĉis siajn volon, forton kaj sian kapablon al sindona laboro por UEA. Nur en la pasinta jaro, pro troa okupiteco en sia ofico, li ne povis funkcii sammaniere kaj pro tio ni — interkonsente kun li — transdonis provizore la ĉefdelegitecon en Aŭstrio al S-ro Gustav Weber.

Okaze de tiu ĉi klarigo, ni ankoraŭfoje dankas S-ron Bernfeld pro lia ĝisnuna fruktodona laboro por UEA.

*Jubileo de nia ĉefdelegito en Polujo.*

Ni sendas niajn korajn bondezirojn al nia ĉefdelegito S-ro Jakob Ŝapiro okaze de la 25-jara jubileo de lia sindona laboro por Esperanto. Li estas unu el la plej fidelaj kaj fervoraj pioniroj de la movado.

M. Movo (M. Wittenberg),
*Provizora Direktoro.*

### ADRESARO : NOVAJ LOKOJ KUN DELEGITOJ

**Belgujo**

*Blankenberghe.*— S-ino Cornélie Marinus, Hotelestrino, Hotel Pasteur.

**Britujo**

*Guildford* (Surrey). — D : E. B. Johnson, La Espero, Byrefield Rd. Worplesdon Rd.

**Ĉeĥoslovakio**

*Bakov nad Jizerou.* — František Bartos, Ŝtata Oficisto, Riegrovo nám. 24.

**Danujo**

*Aarhus.* — FD : (Sporto) D-ro Hans L. Egerrup, Sondergade 76.

**Francujo**

*Fougères* (I. et V.).— Charles Blot, Oficisto, 17, Boulevard St.-Germain.
*La Geneytouse,* (Hte-Vienne). — Robert Barny, Poŝtisto.

**Germanujo**

*Pasing-München.* — Johann Wagner, Planeggerstr. 14-1 L.

**Hungarujo**

*Debreczen.* — Géza Berki, Direktoro de juĝejo, Kiralyi tabla.
*Rabapordany.* — Jozsef Tatar, Instruisto, Sopron m.
*Szigetvar* (Somogy varmegye). — Imre Steiner, Bankoficisto, Vasuti ucca 2.

**Nederlando**

*Dronrijp.* — S-ro H. P. Breuker.*Schingen* apud Dronrijp (Fr.).

**Norvegujo**

*Steinkjer.* — Agnar Grönli, Studento, Kongens gt. 79.

**Portugalujo**

*Sangalhos.* — Joaquim Seabra Denis.
*S. Joao da Madeira.* — Adacio Vieira de Araujo.

**Svedujo**

*Gnarp.* — Gustaf Fors, Komercisto, Box 3.
*Stockholm.*— V.D.: Helge Nordkvist, Oficisto, Alstensgatan 15, Alsten.

**EKSIĜOJ KAJ FORSTREKOJ**

*Aŭstrio.* — Schruns-Montafon (Vlbg.).
*Belgujo :* Middelkerke.
*Danujo :* *Assens* (V. D.).
*Greklando :* Iraklion.
*Nederlando :* 's Gravenhage (Vic-ĉefdelegito Boon).
*Svislando :* St. Moritz.

**ŜANĜOJ**

**anstataŭ la ĝisnuns delegito unkcias :**

**Belgujo**

*Hasselt.* — Prosper Van Genechten, Place Leopold, 11.
*Charleroi.* — (V. D.) Victor Demoulin, Telegrafisto, 40, rue Bayet.

**Britujo**

*Bishop Auckland* (Co. Durham). — A. B. Edwards, c/o. Mrs. Spoor, 10 Ladysmith Street.

**Danujo**

*Skodborg* J. — Heinrich Michels.

**Francujo**

*Perpignan* (Pyr. Or.). — René Llech-Walter, 5, Quai Vauban.

### Niaj mortintoj

S-ro M. McDonald, Bulawayo (Rhodesia). Sudafriko.

S-ro Paul Linares, Cordoba, Dumviva kaj honora membro de UEA.

S-ro Michele Arabeno, Via Crimea 8-24. Genova, Del. kaj honora membro de UEA (26.1.36).

S-ro -D-ro Tobias Sigel, Detroit (Mich.) Del. kaj Dumviva membro de UEA perdis sian edzinon (21.2.36).

S-ino Lucy E. Bury, Liverpool, malnova esperantistino kaj komitatano de la Grupo Liverpool.

S-ro Löderer, Parkstrasse 31, Mödling bei Wien, malnova esperantisto.

S-ro Oskar Breting, Palanga (Litovio) Del. UEA (1.III.1936).

### Naskiĝoj

Al gesinjoroj Morris de Ketelaere, Ĉefdelegito de UEA Oostenstraat, 25 Antwerpen (Belgujo) naskiĝis filino Jana. (11.2.36).

Al gesinjoroj Newell, nuntempe loĝantaj en Angla-Egipto Sudano, naskiĝis en decembro 1935 filino Jane Catherine.

Niajn korajn bondezirojn.

### Edziĝoj

S-ro Josep Alberich Jofrè edziĝis kun S-ino Remei Puqui, Barcelona, Berga 21.3er.1a, 1 Aprilo 1936.

Korajn bondezirojn.

F-ino Madeleine Vuille (Mad Mevo) oficistino de C.O. edziniĝis 11.4.1936, al fervora samideano S-ro Ardachès Stakian. Korajn gratulojn de la gvidantaro kaj oficistaro de la C.O.

# OFICIALA INFORMO

## pri la Paska kunveno de la Estraro

La Estraro de UEA kunvenis en Ĝenevo la 11an kaj 12an de aprilo 1936, kaj intense laboris dum tiuj du tagoj.

Jen resumo de la decidoj alprenitaj, kiuj interesas la Esperantistaron :

*Nia Budĝeto.*

S-ro Goldsmith, la nova Direktoro de UEA, prezentis projekton de budĝeto. Dank'al la ŝparoj farotaj en Britujo, kie la prezoj estas senteble pli malaltaj ol en Ĝenevo, oni antaŭvidas ke :

*a*) La ŝparoj de nun farotaj ebligos ekvilibron de la budĝeto 1936, malgraŭ la translokigokostoj, kaj kvankam la Centra Oficejo jam duonon de la jaro vivis en Svisujo.

*b*) La budĝeto de la venontaj jaroj ebligos pli intensan propagandon, kiun ni ne povis fari ĝis nun pro manko de mono.

Kompreneble, tiuj rezultatoj estas atingeblaj, kondiĉe ke la enspezoj restu almenaŭ la samaj kiel nun.

*Gvidado de la propagando.*

Kelkaj Esperantistoj timis, ke oni dispecigos UEA. Ili trankviliĝu. Ni havas kaj havos nur *unu* Centran Oficejon.

Tiun timon naskis la fakto, ke la Komitato aprobis principon de « malcentralizado » de la propagandaj fakoj. Tiu malcentralizado jam ekzistas de longa tempo, por la Radio- kaj la Gazet-servo. La problemo estas pliviglígi kaj pliampleksigi tiun propagandan metodon en la fakaj rondoj, kiu povos alporti tre interesajn rezultatojn. Por atingi tiun celon, necese estas delegi personon, kiu havos tempon kaj bonvolos zorgi pri tiu tasko. La Estraro komisiis S-ron Malmgren por : enketi ĉe la Landaj Asocioj pri ilia antaŭa agado, iliaj deziroj ktp., interrilatiĝi kun la Landaj Asocioj koncernataj por ke Esperanto estu reprezentata en diversaj Konferencoj internaciaj (nova eduko, Junuloj, Gastejoj de Junularo), pristudi eblecon de unuiĝo de fervojistoj esperantistaj ktp.

La Estraro komisiis S-ron Steiner por interrilatiĝi kun la Loka Kongresa Komitato de la 29a UK en Varsovio, profitante sian sperton de la 28a kaj montrante la dezirojn de la Estraro.

*Gazeta problemo.*

La afero estas en periodo de aktiva pristudado.

*Jarlibro.*

La jarlibro 1936 estas preparata. Oni esperas, ke ĝi aperos en junio. Ĝi enhavos, krom la listo de la Delegitoj :

Informon pri la organizoj kaj la gazetaro.

Konsilojn al la Delegitoj.

Raportaron de la Landaj Asocioj pri la laboro en la diversaj landoj dum la antaŭaj 12 monatoj.

*Biblioteko.*

Logike la biblioteko de UEA devus akompani la Centran Oficejon. Sed la Brita Esperanto-Asocio jam havas proksimume la saman bibliotekon kaj ne estus prudente kolekti ambaŭ bibliotekojn en la sama loko.

La Estraro decidas, ke la Biblioteko de UEA estos konservata en la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, je la sekvantaj kondiĉoj :

*a*) La Biblioteko estos parto de la Nacia Biblioteko de Vieno, en apartaj ejoj.

*b*) La regularo estos tiu de la Nacia Biblioteko ; la eniro estos senpaga.

*c*) Se pro iu kaŭzo la Nacia Biblioteko ne povos aŭ ne volos plu konservi nian Bibliotekon, ĝi estos redonita al UEA.

*ĉ*) Klasigo de tiu biblioteko okazos en Vieno, kaj la troaj ekzempleroj restos je dispono de UEA.

S-ro Steiner estas komisiita por zorgi pri tiu instalo kaj klasigo.

*Diversaj.*

La Estraro pridiskutis multajn aliajn aferojn, kiuj estos deciditaj, aŭ post voĉdono de la Komitato, aŭ post plua enketo.

# Protokolo de Ekzameno kaj Kalkulo de Voĉdoniloj de la Komitato de U.E.A.

La deksesan de Marto 1936, je la dekkvina horo,

En la domo de S-ro Couteaux, 27, Faubourg St-Jacques, en Parizo,

Kunvenis la Komisiono, kies tasko estis ekzameni kaj kalkuli la voĉdonilojn de la Komitatanoj, responde al la Cirkulero al la Komitatanoj, datita la 25an de Februaro 1936.

Tiu Komisiono konsistis el :

S-roj Bastien, Prezidanto de U.E.A.
Couteaux, } Komitatanoj de U.E.A.
Dubois, }
Rousseau, Ĉefdelegito por Francujo.

La nuna nombro de la Komitatanoj estas 32.

La nombro de la respondoj ricevitaj de la Prezidanto ĝis nun estas 22.

Unu respondinto deklaras konfidi al la Prezidanto kaj ne respondas precize al la demandoj. La Komisiono ne enkalkulas tiun respondon.

La nombro de la voĉdoniloj respondintaj estas do 21.

La absoluta plimulto estas 11.

La rezultatoj de la baloto estas jenaj :

*Demando 1a:* Ĉu vi akceptas la principon de larĝa malcentralizado de la propagandaj taskoj respektante la statutojn, la plenan rajton de la Komitato kaj la superan direkton de la Estraro ? (La detaloj estos difinitaj de la Estraro).

Jes : 20 voĉoj — Ne : 1.

*Demando 2a:* Ĉu vi nepre volas, ke la Centra Oficejo restu en Svisujo ?

Jes : 4 Voĉoj — Ne : 17.

Demando 2-*b* : Ĉu vi nepre rifuzas translokigon en Londonon (kun S-ro Goldsmith kiel direktoro ) ?

Jes : 5 voĉoj — Ne : 16.

Demando 2-c : Ĉu vi nepre rifuzas translokigon en Vienon (kun direktoro poste elektota) ?

Jes : 11 voĉoj — Ne : 9 — Sindeteno : 1.

Demando 2-d : Se vi ne reifuzas Londonon nek Vienon, montru ĉi-sube kiun el tiuj du urboj vi preferas.

Ĉar tiu demando estas respondita nur kiam la volo de la voĉdoninto ne aperas klare el la du antaŭaj respondoj, la Komisiono reekzamenis unuope la voĉdonilojn, kaj fine atingis la jenajn rezultatojn :

| | |
|---|---|
| Volas resti en Svisujo | 4 |
| Akceptas Londonon, rifuzas Vienon | 8 |
| Akceptas Vienon, rifuzas Londonon | 1 |
| Ne rifuzas Londonon nek Vienon, sed preferas Londonon | 3 |
| Ne rifuzas Londonon nek Vienon, sed preferas Vienon | 5 |
| Entute | 21 |

*Kiel konkludo:*

| | |
|---|---|
| Ne volas translokiĝi | 4 |
| Volas aŭ preferas Londonon | 11 |
| Volas aŭ preferas Vienon | 6 |
| Entute | 21 |

Finita je la 17a horo. Parizo, la 16an de Marto 1936.

La Membroj de la Komisiono

S-ro Rousseau S-ro Dubois S-ro Couteaux S-ro Bastien

Certigita konforma al la originalo.

Parizo, la 20-an de Marto 1936.

La Prezidanto de U.E.A.

L. Bastien.

# La Lingvaj Institucioj

La organizo kaj la funkciado de U.E.A. estas konataj de la esperantistoj per publikaj diskutoj kaj publikigitaj artikoloj. Ne estas same pri la *Lingvaj Institucioj*; tiuj sciigoj troviĝas en la *Jarlibro de la Lingva Komitato*, sed malmultaj samideanoj konas ĝin kaj ankoraŭ malpli multaj tralegis ĝin. Cetere tiuj sciigoj estas prezentataj laŭ administra formo, kiu ne faciligas ilian komprenon de la nekompetentuloj je tiu vidpunkto ; kaj la motivoj kiuj pravigas la aranĝojn ne estas montrataj.

Pro tio mi provos prezenti ilin laŭ kiel eble plej simpla kaj komprenebla formo.

*La esperantista Lingva Komitato estas komisiita por zorgi pri la konservado de la fundamentaj principoj de la lingvo kaj kontroli ĝian evolucion.* Feliĉe la unua parto de tiu tasko estas facila, ĉar neniu grava ŝanĝo en la Fundamento estas proponita ; pli malfacila estas la dua, ĉar ĝi necesigas atentan esploron de la publikigaĵoj, en kiuj, pro manko de oftaj parolaj interrilatoj, povas nur esti konstatata tiu evoluo. Pro tio estas kreita antaŭ du jaroj, *Sekcio de kontrolo*, kaj, per ĝiaj ĉiujaraj raportoj, oni povas konstati, ke ĝi jam faris utilajn rimarkojn.

*Estas starigita en la Lingva Komitato, supera komisiono nomita Akademio, kies membroj havas specialan lingvan kompetentecon kaj la eblon doni efikan partoprenon en la laboroj de la komitato.* Estas neeble kunigi la membrojn de la komitato por parola diskutado, kiu tamen estas la sola efika rimedo ricevi rapide konkludojn ; pro tio oni pensis, ke tiu rezultato estus atingita per skriba diskutado inter malmultaj kompetentuloj. Fakte tiu metodo montriĝis ankaŭ maloportuna ; kaj estas dezirinde trovi rimedon por, almenaŭ en kelkaj gravaj okazoj, kunigi la Akademianojn.

*En la Akademio estas starigitaj Sekcioj, kiuj esploras la demandojn rilatajn al specialaj lingvaj fakoj ; ili estas direktataj de Akademiano aŭ korespondanto, kaj ilia nombro ne estas limigita. Ekzistas sekcioj titolitaj Gramatiko, Komuna Vortaro, Teknikaj Vortaroj, Kontrolo.*

Fakte tiuj Sekcioj konsistas nur el la direktoro, kiu cetere povas peti kompetentulojn pri konsiloj kaj helpo. La *Sekcio Teknikaj Vortaroj* klopodis por ke la esperantistaj teknikistoj verku la vortaron de sia fako ; sed malgraŭ multaj provoj ĝi ne sukcesis, ĉar tiu laborado necesigas grandan penon kaj longan tempon, pri kiu malofte disponas la esperantistaj fakistoj. Ĝis nun tre malmultaj estas tiuj vortaroj ; kaj eble oni ne povas bedaŭri tiun mankon, ĉar, por ke tia vortaro estu certe valora, necesas, ke ĝi estu ellaborita de diversnaciaj kunlaborantoj, kies kunigo estas preskaŭ neebla je la nuna disvastiĝo de nia lingvo.

La *Sekcio de Kontrolo* komencis, kiel ni diris, efike laboradi, kaj ricevas kontentige la novajn publikigaĵojn (plej ofte

tamen post peto al la eldonistoj), sed ne sufiĉan helpon, kvankam ne estas malagrabla tasko tralegi interesajn librojn (kiujn oni rajtas konservi kiel kompenson). Ankaŭ tute mankas kontrolo de la nacilingvaj-esperantaj vortaroj, kiu tamen estus utila, ĉar oni kelkafoje konstatas erarojn, kiuj, pro ilia ripetado, devenas sendube de malĝusta nacilingva traduko de esperanta vorto en la vortaro.

*La Lingva Komitato kaj la Akademio havas la saman estraron,* ĉar efektive la Akademio estas nur parto de la Komitato, kaj havas saman taskon.

*Por esplori specialajn demandojn la Akademio povas starigi konsiligajn kaj laborajn specialajn komisionojn, kiuj povas enhavi kiujn ajn anojn de la Komitato, kaj eĉ personojn kiuj ne apartenas al tiu Komitato.* Ĝis nun tiu ebleco ne estas uzita, sed ĝi estos utila por laboradoj, kiuj bezonas specialajn aranĝojn kaj kompetentecon, ekzemple detala ekzameno de la vortaro, plena gramatiko, stilistiko, k.t.p. jam ofte pripetitaj de la esperantistaro.

*La Akademio rajtas elekti, eĉ ekster la Komitato se bezone, Akademiajn korespondantojn, kies speciala kompetenteco kaj laborado povas utili al ĝi.* Ekzemple pri la demandoj rilataj al kelkaj naciaj lingvoj, enketoj pri evoluo de Esperanto en kelkaj landoj, k.t.p.

*La Akademio esploras: 1-e. la demandojn, kiujn ĝi elektis per propra iniciato; 2-e. la demandojn senditajn al ĝi de la devenaj sekcioj; 3-e. la demandojn prezentitajn al ĝi per favora raporto de almenaŭ kvin L. K.-anoj. Pri ĉiu demando la Akademio alprenas decidon.* Tiuj demandoj estas duspecaj: la administraj, kiuj rilatas la konsiston kaj funkciadon de la komitato, kaj la prilingvaj, el kiuj ĉefa estas la oficialigo de lingvaj novaĵoj. Pri ĉiu el ili la Akademio, post atenta esploro fiksas sian opinion. Se ĝi povus kunigi, tre simpla estas la metodo por konstati tiun opinion, eĉ sen voĉdonado; sed, ĉar tio ne estas ebla, oni devas uzi alian metodon, — post-laŭvola interŝanĝo de leteroj, cirkuleroj, k.t.p., voĉdoni pri kelkaj konkludoj prezentitaj de la membroj, kaj alpreni kiel decidon, tiun kiu ricevis la plej grandan nombron da aproboj. Se kelkaj ricevas tiun nombron, la Prezidanto elektas la alprenotan.

*La Lingva komitato solvas ĉiujn lingvajn demandojn laŭ la fundamentaj principoj de la lingvo.* Tia estas ĝia devo kaj eble ne estus necesa tion memorigi. Sed ne estas malbone montri al la esperantistaro, ke ĝi rajtas flankenmeti decidon, kiun ĝi opiniis kontraŭfundamenta. Cetere decido ne aprobita de la esperantistaro estas tute senefika, kaj tio estas kelkafoje bedaŭrinde, ĉar formoj aŭ vortoj malaprobitaj estas tamen uzataj. Tio ne estas mirinda, ĉar estas same en la naciaj lingvoj, tamen garantiataj de oficialaj rimedoj (diplomoj); kaj, pro tio, *la Komitato ne povas esti baro por la normala evoluo de la lingvo, kiun ĝi kontraŭe certigas*; ĉar ĝiaj decidoj, laŭ tiu normala evoluo, estas certe aprobataj de la esperantistaro, pro ĝia profunda sento pri konservado de la lingvo.

*Propono pri enkonduko de lingva novaĵo estas unue ekzamenata de la koncerna sekcio de la Akademio. Uzante la raporton de la direktoro de tiu Sekcio, la Akademio alprenas decidon, kiun ĝi konigas al la L. K.-anoj. Pri ĝi ili voĉdonas.* Pri la demandoj, kiujn ĝi elektas per propra iniciato, kompreneble la Akademio prezentas la decidon, nur se ĝi estas favora. Pri la aliaj la Akademio konigas sian decidon eĉ se ĝi ne estas favora, ĉar nur la L.K. rajtas forĵeti proponon. Pro la disiĝo de la membroj en la tuta mondo, sufiĉe longa tempo estas donata por respondi.

*La proponita lingva novaĵo estas enkondukata se pli ol unu triono de la L. K.-anoj ne malaprobas ĝin; en kontraŭa okazo, la demando estas denove pridiskutata de la Akademio. La Prezidanto interkonsiliĝante kun la direktoro de la koncernata Sekcio povas prokrasti enkondukon de lingva novaĵo, se trafaj rimarkoj kaj kritikoj estas prezentitaj de malaprobantoj.* La ĉefaj lingvaj demandoj rilatas la *aldonojn al la universala vortaro,* kiuj estas prezentitaj je diversaj intertempoj kaj entenas plimalpli grandan nombron da vortoj. Gravaj kaj longaj diskutoj okazis de la prezentado de la unua pri la maniero elekti tiujn vortojn, pro la malfacileco apliki la kriterion fiksitan de Zamenhof, t.e. la maturecon, kies konstato plimalpli dependas de personaj opinioj. El ĵus okazinta konsulto de la Komitato rezultas, ke estas ĝenerale dezirata malofta publikigado de aldonoj, kaj uzado de la Zamenhofa kriterio (matureco). Estas dezirinde ke la esperantistoj sciigu la Akademion pri la vortoj, kiujn ili opinias oficialigindaj kiel maturaj.

*La Prezidanto kaj la direktoroj de la Sekcioj raportas ĉiujare pri la laboroj faritaj*; tiuj raportoj legataj dum la Universala Kongreso, kaj diskutataj dum la kunsido de la L. K. estas publikigataj en la dokumentaro de la Kongreso kaj disdonataj al la kongresanoj; bedaŭrinde tiuj raportoj estas malmulte legataj de la esperantistoj, kiuj, pro tio, ĝenerale eraras pri la aktiveco de la L. K.

*La L. K.-anoj estas elektataj de la L. K. mem per absoluta plimulto de la voĉdonantoj. Ilia nombro ne estas limigita*; sed nuntempe la L. K. estas konsultata pri tiu nombro, kiu nun estas 117, kaj estus nur 100 estonte.

*La L. K.-anoj konservas sian oficon dum 9 jaroj; ili estas reelekteblaj. Listo de la kandidatoj estas ĉiujare preparata de la Akademio, kiu grupigas la personojn prezentitajn de la landaj Asocioj.* Principe ĉiu nacia lingvo estas reprezentata en la L. K. per membroj kies nombro, ne estas fiksita, sed pri kiu estas konsiderindaj la disvastiĝo de la lingvo en la mondo, kaj tiu de Esperanto en la lando. La Kompetenteco de la kandidatoj estas kompreneble atentinda, kaj ankaŭ ilia aktiveco en la movado, ĉar puraj lingvistoj, kiuj ĉefe okupiĝas pri la teorio, ne sentas sufiĉe la neceson de netuŝebleco de nia lingvo — pruvo estas la ida skismo —, pri kiu estas profunde konvinkitaj tiuj, kiuj konstatis, per la propagando, ke iu malgranda manko pri tiu principo estus katastrofa.

Ĉiu esperantisto rajtas prezenti sin mem, sciigante sian landan Asocion, kaj la Prezidanton de la Akademio pri sia intenco kaj siaj titoloj. Necesa estas tiu sciigo al la landa Asocio, kiu nur povas zorgi pri taŭga reprezentado de sia lingvo en la L. K. Sed estas atentinde, ke *la lingvo kaj ne la Asocio, estas reprezentataj*; pro tio, se iu lingvo estas nacia en diversaj landoj, la Asocioj de tiuj landoj povas, kaj eĉ devas, interkonsenti por ke, en la L. K., estu anoj de la diversaj nacioj.

*La Centra Oficejo de U.E.A. ludas, pri tiuj proponoj, la rolon de Landa Asocio por la landoj ĉe kiuj ne estas tia Asocio.*

La listo de la kandidatoj estas prezentata al la L. K.-anoj por balotado, kune kun sciigoj pri iliaj titoloj; kaj estas sufiĉe longa tempo inter la prezentado kaj la balotado, por ke la titoloj de la kandidatoj estu atente ekzamenataj kaj laŭokaze diskutataj (ses monatoj).

*La Akademianoj estas elektataj de la L. K. per absoluta plimulto de la voĉdonantoj, inter kandidatoj proponitaj de la Akademio laŭ prezentado de kiu ajn L. K.-ano, kiu ankaŭ povas prezenti sin mem.* Kelkaj esperantistoj kritikis tiun metodon, kiu tamen estas uzata de la plej famaj Akademioj, ekzemple la franca.

*La nombro de la Akademianoj ne povas superi* 18 (nun ĝi estas 16). *Ili estas elektataj por* 9 *jaroj kaj rebalotataj ĉiun trian jaron po triono; ili estas reelekteblaj.*

*Elektoj de Akademianoj okazas ĉiun trian jaron samtempe kun la elektoj je la L. K.* Pro tio kandidato estas L. K.-ano de antaŭ unu jaro minimume.

*La membroj de la Estraro estas elektataj de la Akademio por tri jaroj; tiu elekto okazas ĉiun trian jaron, tuj post la elekto de la triono de la Akademianoj; la elirantaj estraranoj estas reelekteblaj.*

*Estas eksigindaj la L. K.-anoj kiuj ĝenerale montras indiferentecon pri sia ofico aŭ publike kontraŭbatalas Esperanton.* La eksigo estas decidata de la Akademio post esploro de la klarigoj de la interesato. Tre malofte la Akademio devas plenumi tiun malagrablan devon.

*La Akademio ricevas subvencion de U.E.A.* (400 *sv. fr.*) *ĉiujare kaj donacojn de esperantistoj* (malmultajn). Ĝiaj elspezoj ne estas gravaj, sed estas dezirinde ke ĝi povu, kiel antaŭe, publikigi oficialan Bultenon, kaj eĉ gravajn verkojn delonge deziritajn. Bedaŭrinde por tio mankas ne nur mono, sed ankaŭ verkistoj, ĉar la Akademianoj ne disponas ĉiam sufiĉan tempon dediĉotan al tiu tasko. Eĉ ne povas esti salajrita unu konstanta sekretario, kaj estas nur publikigataj laŭokaze cirkuleroj titolitaj *Oficialaj sciigoj de la Akademio*, kiujn la naciaj gazetoj preskaŭ neniam represas; pro tio la demandoj pri kunlaborado adresitaj al la esperantistaro plej ofte ne sukcesas, kaj tiu esperantistaro nenion scias pri siaj lingvaj institucioj.

ROLLET DE L'ISLE.
*Prezidanto de la Esperanta Lingva Komitato.*

# Al Jakob Ŝapiro

(Okaze de lia esperantista jubileo).

25-jara jubileo en nia movado estas evento. Ne nur pro tio, ke nia movado estas ankoraŭ tiom juna, ke nur venontjare ĝi atingos la kvinan jardekon. Sed ĉefe pro tio, ke resti en la unuaj vicoj, inter niaj plej energiaj aktivuloj, dum 25 jaroj, signifas siaspecan heroecon.

La historio de nia movado konas grandajn (almenaŭ por mi) virojn, kiuj ofte imponis al mi per vere grandaj kaj gravaj faroj. Tiuj viroj havis meritojn, havis entuziasmon, havis energion kaj fakte multon faris por nia movado, sed unu ili ne havis: la paciencon elteni sur sia posteno. Ofte tiujn eminentajn pionirojn forigis de nia movado bagatelo, ofte ilin fortimigis la malvarmo, la konfuzanta indiferenteco, kun kiu la vasta publiko konsideris nian aferon — ili estis bonaj generaloj, kiuj en kelkaj momentoj eĉ brilajn venkojn atingis, sed ili ne estis bonaj soldatoj, marŝantaj de batalo al batalo.

Ŝapiro apartenas al tiuj maloftuloj, kiuj esperantistiĝis en la knabaĝo. Lin do neniu varbis, neniu konvinkis. Al nia movado li simple mem venis. Kaptis lin la grandiozeco de la Bela Afero, kaptis lin tiel forte, ke li devis jam resti en ĝi, sen la espero, sen la ebleco kiam ajn el ĝi liberiĝi.

Kion li havis plej karan — la junecon — li metis sur la altaron de Esperanto, kiu estis lia unua amatino. Pri ĝia beleco, pri ĝiaj gloraj sukcesoj li revis febre dum sennombraj noktoj, al ĝi kaj por ĝi li oferis ĉiujn riĉaĵojn de sia juna vivo: sian malkvietan energion, abundan iniciatemon kaj netakseblan laboron, jes — tiun soldatan, pioniran laboron. Esperanto eniris lian sangon, neelŝireble enradikiĝis en lian memon kaj fariĝis nedisigebla parto de lia tuta vivo. Kaj tiu granda amo estis sendube reciproka. La ordinara amatino enverŝis en lian animon lumon kaj ĝojon. Al la tiam ankoraŭ juna knabo ĝi mirakle malfermis novajn, nekonatajn vojojn, malŝlosis antaŭ la sciavida junulo la pordojn de l'mondo, en malkvietaj noktoj flustris en liajn orelojn strangajn neniam aŭditajn kantojn pri tutmonda frateco, semis en liajn okulojn «la belan sonĝon de l'homaro». Ĝis kiam iun tagon la juna knabo konstatis en si iun mirinde agrablan familiarecon kun ĉiuj, ĉiuj homoj sur la terglobo...

Amo tiom pasie travivita pasas neniam.

25 jaroj da senĉesa, ĉiutaga griza laboro poresperanta, kara jubileulo kaj amiko, — kiom bela epopeo de esperantista heroeco, de esperantista honoro! Kvaronjarcento da pionira sinoferemo, da kavalira batalado por granda afero kaj *kontraŭ* homa etanimeco, *por* la venko de la Verda Stelo kaj *kontraŭ* homa mallumo, *por* la frateco de la gentoj kaj *kontraŭ* interhoma maljusteco, *por* la idealoj de la Esperantismo kaj *kontraŭ* ĉiuj nigraj semantoj de malpaco! Dum dudek kvin jaroj resti la neŝancelebla disĉiplo de Zamenhof — kia feliĉo, kia honoro, kara samideano Ŝapiro!

En la tago de via jubileo, kiun vi solenas en la modesta rondo de viaj Esperantistaj amikoj Bialistokaj, kion ni — viaj amikoj kaj samideanoj el aliaj urboj kaj landoj — alportu al vi krom la elkoraj bondeziroj kaj gratuloj? Sed ni volas ja diri al vi, ke en via malfacila pionira laboro vi ne restis sola, ke vigle niaj koroj ankaŭ batas por niaj kaj viaj altaj idealoj, ke ne perdiĝis la celo, al kiu vi vian vivon dediĉis, ke kunbatalas kun vi la granda kaj brava taĉmento Zamenhofa, ke valoris batali por Esperanto 25 jarojn kaj nepre valoros batali por ĝi multajn pliajn jarojn!

I. LEJZEROWICZ.

# ĈIAMAĴOJ

1

Fajro varmigas, sed en troa proksimeco ĝi bruligas.

2

Plej profundaj pesimistoj ofte ŝajnas grandaj optimistoj, ĉar atendante nenion bonan, ili trankvile kaj senzorge akceptas ĉiujn batojn.

3

Novaj vojoj estas ofte en realeco tiom malnovaj, ke oni jam forgesis, ke ili iam ekzistis.

4

Ne sufiĉas esti amata por ne senti sin izola — necesas ami mem.

5

La stratosfero ne konas ventegojn. Do, se ventegoj suferigas vin, klopodu leviĝi pli alten.

M. M.

## ĈU ESPERANTO PROGRESAS?

Ĉu oni rajtas plendi pri la ne sufiĉe rapida progreso de la Esperanto-movado? Antaŭ ol respondi al tiu demando ni faru alian demandon. Kiu plendas? La plendantoj preskaŭ ĉiam apartenas al la nova generacio de nia movado. Nova adepto eniras niajn rangojn, entuziasmiĝas, tuj atendas la baldaŭan triumfon de Esperanto. Sed post kelkaj monatoj, aŭ kelkaj jaroj, li trovas al sia ĉagreno, ke la registaroj de la mondo ankoraŭ ne adoptis Esperanton, ke oni ankoraŭ ne instruas la lingvon en ĉiuj lernejoj de la mondo, ke Esperanto ankoraŭ ne estas parolata sur ĉiuj stratoj, kaj la novebakita esperantisto perdas sian entuziasmon kaj konkludas, ke Esperanto neniam sukcesos,alie la mondo ne montrus tian indiferentecon.

Mi estas malnova esperantisto, kiu jam en la jaro 1907 komencis studi la lingvon internacian. Ĉu mi plendas pri la malrapida progreso de Esperanto? Tute ne! Male, mi miras pro ĝiaj sukceso kaj disvastigo, pri la multaj esperantistoj kiuj nun bele kaj facile parolas la lingvon, pri niaj multaj lertaj verkistoj, tiel maloftaj en la frua periodo, pri la radiosukcesoj, pri — sed sufiĉas, mi ja ne povas paroli pri ĉiuj ĝiaj mirindaj sukcesoj.

Ĉu oni rajtas esperi, ke ideo tiel ekstreme fremda al la homaro kiel Esperanto povas rapide antaŭeniri? Absolute ne!

Kiam mi komencis studi Esperanton oni diris al mi, « Estas freneza ideo, tiu Esperanto, kaj vi perdas vian tempon studante ĝin, ĉar post unu aŭ du jaroj la lingvo certe formortos kaj oni neniam plu aŭdos pri ĝi ». Post kelkmonata studado de la lingvo mi komencis korespondi kun eksterlandanoj, kaj mi komencis legi Esperanto-ĵurnalojn el Eŭropo. Kaj tiam mi unue aŭdis pri Ido kaj ĝia minaco al Esperanto. La Ido-movado faris grandegan bruon dum kelka tempo. Kelkaj korespondantoj skribis al mi, ke ili intencis transiri al Ido kaj konsilis al mi fari la samon. Nun mi ja rajtis malesperi. Nova lingvo artefarita ja aperis, kiu estis supera al Esperanto, kiel oni diris, kaj ĉar ĝi multmaniere malsimilis Esperanton oni ja devis forgesi unu lingvon kaj lerni novan. Kaj kiu garantius al mi, ke post kiam mi ellernos la novan lingvon alia ankoraŭ "pli bona" ne aperos?

Dum kelka tempo mi estis tre malfeliĉa. Miaj amikoj estis do pravaj. Esperanto estis fiasko kaj mi malŝparis valoran tempon super bagatelo. Esperanto tamen ne formortis; Ido ne okupis ĝian lokon. Esperanto pli kaj pli disvastiĝis tra la mondo. Novaj ĵurnaloj aperis; la literaturo kreskis kaj kreskis; novaj venkoj diversspecaj! Tiu antaŭenirado daŭris ĝis la mondmilito, kaj eĉ ĝi ne tute haltis la movadon, kvankam multaj internaciaj movadoj mortis pro la milito kaj neniam reviviĝis.

Se Esperanto ne rapidege antaŭeniras nuntempe, ne kulpigu Esperanton pro tio, sed kulpigu la mondvastan ekonomian krizon, la rezulton de la mondmilito. Se Esperanto jam travivis pli ol 45 jarojn, kaj inter ili multajn malfacilajn jarojn, ni ne perdu la esperon, se la movado ne rapidege antaŭeniras. Kuraĝe kaj esperplene ni sekvu la vojon de Zamenhof.

D-ro LEHMAN WENDELL, Usono.

## Ĉasisto el Afriko

Mi konatiĝis kun li, same kiel kun multaj aliaj, en unu el Monparnasaj kafejoj. Ne sen peno mi trovis seĝon por mi sur la teraso apud ronda marmora tablo, sub protekto de vitra muro, apud aĵura hejtilo, de kiu eliĝis agrabla varmo. Apud la tabloj sidis junuloj de kosmopolita aspekto kaj gajetaj fraŭlinoj en beretoj[1] kaj en lakitaj ŝuoj. Flanke de mi fumis pipon maldika, razita sinjoro mezaĝa. Li portis elegantan golf-kostumon, kaj la pintoj de la kolumo de lia moda blua ĉemizo rememorigis la flugilojn de hirundo. Sur la piedoj brilis multekostaj flavkolaroj ŝuoj. Sinjoro fumis kaj distre rigardis la preterpasantojn sur la trotuaro. « Devas esti pentristo — mi ekpensis, — aŭ angla ĵurnalisto».

— Kia abomena vetero — neatendite alparolis min la najbaro, elpreninte el la buŝo la pipon kaj montrante mangeste la straton, la malsekajn ankoraŭ senfoliajn arbojn, la grizan parizan ĉielon.

La interkonatiĝo en Monparnaso estas facila. Ni interparolis pri la vetero, pri pariza klimato, pri tio, ke Parizo estas bela urbo, kaj pri multaj aliaj aferoj. Poste li eltiris el la poŝo vizitkarton kaj etendis ĝin al mi. Mi legis: « Oliver Adams ». Nenia indiko pri profesio.

— Vi estas ĵurnalisto? mi demandis.

Denove li eltiris el la buŝo la pipon kaj ne rigardante min ridete ekbalancis la kapon:

— Ne, mi ne estas ĵurnalisto. Mi tute simple estas vage mulo. Aŭ, se vi volas pli ekzakte, ĉasisto el Afriko.

— Ĉasisto el Afriko?

— Jes, preskaŭ la tutan tempon mi pasigas en Afriko. En Eŭropo mi ne estis jam de dekdu jaroj.

— Sed kiun vi ĉasas tie? Elefantojn?

— Jes, elefantojn. Ĝenerale, ĉiujn bestojn. En Afriko estas multe da ĉasbestoj.

Mi imagis al mi aron da longorelaj elefantoj ĉe la trinkfontoj, la bruegon de giganta brutaro kaj la trompetan alvokon en la bambuaj kreskaĵoj.

— Kiel ĝi devas esti interese, ĵaluze rimarkis mi.

— Ankaŭ antilopojn, leonojn. Okazis ankaŭ mortigi hipopotamojn, — li daŭrigis rekalkuli siajn trofeojn.

— Ŝajne, ke Afriko estas la sola loko, kie ankoraŭ estas eblaj interesaj aventuroj — mi rimarkis.

— O, ne pensu, ke Afriko estas ia tropika paradizo, — svingis la manon mister[2] Adams — oni ĝin nomas Nigra Materiko, sed pli bone estus nomi ĝin ruĝa. Argilo kaj argilo, kaj sur ĝi pikaj bastonformaj kreskaĵoj. Vi ne ekvidos en Afriko la verdan, molan herbon, delikatan pejzaĝon. Post la vintraj pluvoj — sekeco. Eternaj arbaraj brulegoj. Sed, certe, ĝi estas interesa lando.

Li parolis lace kaj indiferente, kiel homo, kiun ĝismorte tedis la ĉarmoj de afrika vivo. Ĉirkaŭ ni la fraŭlinoj, en beretoj ĝisnuke subpuŝitaj, pipetadis pri siaj etaj aferoj. La kuraĝaj junuloj laŭte diskutadis kaj ankoraŭ pli laŭte ridadis. Iu malgaje sidis antaŭ la malplena taso. Neniu el ili pensis, ke proksime sidas afrika aventuristo, mortiganto de leonoj kaj elefantoj. Kaj laŭ liaj lacaj kaj iel senesprimaj okuloj mi vidis, ke estas strange al li sidi en tiu brua pariza kafejo. Anstataŭ palmoj, elefantoj kaj bambuaj kreskaĵoj, anstataŭ tam-tam kaj leonaj kriegoj — vitra verando, forno kaj fraŭlinoj en rusaj botoj.

---

[1] Speco de ĉapeletoj.
[2] Sinjoro.

— Vi scias, — alparolis min mister Adams, pasintan jaron, proksimume en la sama epoko, mi estis ia speco de reĝo.

— Kio tio estas, kiel speco de reĝo ? — ne komprenis mi.

— Tre simple. Mi estis negra reĝo.

Al mi okazis legi ie pri similaj okazaĵoj, kiam la eŭropanoj iĝis reĝetoj ĉe la negroj. Sed unu afero — estas legi, kaj tute alia afero estas vidi antaŭ si la papuasan moŝton.

— Kiel do tio okazis ?

— O, estas longa historio.

Laŭ ĉio estis videble, ke tiu homo ion vidadis dum sia vivo. De l'kafo ni transiris al konjako kaj, enkuraĝigita per la benita franca trinkaĵo, mister Adams rakontis al mi, kiel okazas la ĉasado de leonoj, kiel la negroj helpe de tamtamoj transdonas tra la tuta materiko, de Mozambiko ĝis la Elefanta Bordo, la sciigojn pri gravaj okazintaĵoj, kiel ili kaptas la leonidojn, kiel ili dancas la sanktajn dancojn je la lumo de plenluno. Kiom da ĉarmo estis por mi en tiuj simplaj historioj.

— Sed, tamen, rakontu al mi, kiel vi iĝis reĝo, — postulis mi.

— La vera reĝo, sen parlamento kaj sen respondecaj ministroj, — ekridis li.

— Kaj ĉu longan tempon vi regis ?

— O, ne, je la unua ebleco mi forkuris. Pli ekzakte, mi havis senliman povon, kaj ĝis nun mi ne scias, kial. Tiu tribo nomiĝas Kebu.

— Kiel ?

— Kebu, de la regiono Ubangi.

— Kaj kiamaniere tio okazis ?

— Ĉu ankoraŭ po pokalo ? Bone ! En tiu tempo mi estis partoprenanto de ekspedicio Vutford. Ĉu vi aŭdis pri la lordo Vutford ? Ne ? Li estis sufiĉe konata esploranto de Afriko. Kaj jen, li tre deziris transiri la Nigran Materikon de l'Ugando, tra Kongo kaj Ubango, en Kaperunon kaj Nigerion. Tie restas ankoraŭ lokoj, kie la piedo de eŭropano ne ekmarŝis. Monrimedojn por tia ekspedicio li certe posedis. Homo riĉega. Sed en iu negra vilaĝeto tri portistoj ekmalsanis pri bubona pesto, kaj dum unu semajno de la tuta servitaro restis nur mi sola. Aliaj pereis. Ankaŭ mi pensis, verdire, ke mi pereos, sed mi elkovris tiun-ĉi tribon Kebu, kaj la negroj ekvidis en mi Dian Senditon. Kial — mi ne scias. Eble, tio estis la agoj de predikistoj.

— Efektive, tio estas interese. Sed kion vi faris tie ?

— Nenion. Mi manĝis, dormis. Oni nutradis min ĝis plensatiĝo. Jen, se vi volas...

Li traserĉis la poŝojn de la surtuto, troviĝanta sur la seĝo, kaj eltiris libron, binditan en tolaĵo.

— Jen — etendis li al mi la libron, — se vi volas, mi povas doni al vi mian jurnalon, kiun mi verkis dum la ekspedicio, Tralegu ! Kaj morgaŭ ni povas renkontiĝi en la sama loko. Ĉu bone ?

— Certe bone. Mi estas tre kortuŝita.

— Bonege, ĝis morgaŭ — ĉu ne ?

— Ĝis morgaŭ.

— Ĝis revido. Ne forgesu, morgaŭ je la kvina en la sama loko.

— Estu trankvila ! Morgaŭ je la kvina mi redonos al vi vian jurnalon sendifektitan.

Li surmetis la surtuton kaj eliris el la kafejo. Restinte sola, mi unue ekmiris lian afablecon kaj fidemon, kaj poste kun intereso mi malfermis la tolaĵan libron. Mister Adams faris notojn anglalingve per bela skribmaniero, preskaŭ per presitaj literoj. Tiamaniere la angloj skribas la adresojn sur la kovertoj. « Ni vidos » — mi ekpensis.

12 *Marto*. Hieraŭ ni eliris el Kirungi. La kompleto de ekspidicio — lordo Vutford, mister Samuel Redj- (kuracisto) kaj mi, Oliver Adams, tridekok jara, naskita en Newtown (Anglujo). Krom tio, tridekkvar portistoj el la tribo Ubango, el Kenio. Nia vojo — sur la nord-okcidento, laŭ la antikvaj vojoj de la sklavovendantoj, kiuj de nememoreblaj tempoj havigis de tie sklavojn por la faraonoj kaj potenculoj de Etiopio. La ŝarĝo estis ses pafiloj, tri belgaj ĉaspafiloj, kestoj kun kartoĉoj, pulvo, medikamentoj, rumo, konservaĵoj, faruno, kafo, kuiriloj.

19 *Marto*. La vojaĝo estas bonŝanca. Hieraŭ mi mortigis du antilopojn.

27 *Marto*. Pereis de l'mordo de vipero unu el gvidantoj, Hitu. Spite ĉiujn flegadojn de la kuracisto, la malfeliĉulo mortis en teruraj suferoj.

2 *Aprilo*. Ni daŭrigas la vojon. Hodiaŭ je la matenruĝo ni renkontis unuafojon aron da elefantoj.

6 *Aprilo*. Transiris la montarĉenson de Baĥr-el-Gazar. Je la noktiĝo ni aŭdis malproksimajn sonojn de tam-tam kvankam ĉirkaŭe ne ekzistas kiu ajn postsigno de homa vivo. Ni eniris en misteran regionon de Djagn. Morgaŭ ni direktos nin al Jakomu.

8 *Aprilo*. Ĉirkaŭe netraireblaj marĉaj densejoj — blekado de hienoj kaj kriegoj de leonoj. La unua interbatalo kun la hipopotamoj. Ni ankaŭ preterpasis la vilaĝojn de Ikombo, de la militema tribo. Miskomprenoj ne okazis.

11 *Aprilo*. La kuracisto faris teruran malkovron. Tri gvidistoj ekmalsanis pri bubona pesto en ekstraordinare stranga formo. Rapide ni returnis al Kemo.

12 *Aprilo*. Ankoraŭ kvar gvidistoj ekmalsanis. La aliaj forkuris, sin savante de la infekto. La lordo Vutford estas en febro. Li evidente ankaŭ ekmalsanis.

14 *Aprilo*. Katastrofo. Mortis lordo Vutford. Post li sekvis la kuracisto. Vespere li mortis. Mi restis sola en malmulte konata loko, meze de sovaĝaj bestoj. Kio okazos al mi ?

18 *Aprilo*. Mi decidis iri al Kikoma.

Emociete mi tralegadis tiujn simplajn notojn. Antaŭ miaj okuloj disvolviĝadis terura dramo. Ĝi estis pli alloga kaj pli terura ol kiu ajn romano. Ŝajnis al mi ke mi aŭdis sonojn de malproksimaj surdaj tam-tamoj, la bruon en la marĉaj densejoj, ke mi vidis kiel fumas la fajroj en la vilaĝetoj. Post la marĉoj bluis la akvoj de freŝa rivero Uele. Kaj tien marŝis Oliver Adams. Mi ne kapablis min fortiri de la tolaja kajero kaj daŭrigadis la legadon. Post la priskribo de diversaj aventuroj, noktiĝo sur la arbaj branĉoj, ĉasado kaj migrado — jen la renkonto kun la negroj de la tribo Kebu.

16 *Majo*. Antaŭ tri tagoj mi renkontis homojn de nekonata tribo. Estus sensence kontraŭbataladi. Oni senarmigis min, ĉirkaŭbindigis kaj kun krioj tiris min en la vilaĝon. Tie nin renkontis virinoj kaj infanoj. Sed, je mia miro, la predikanto (pastro) solene liberigis miajn manojn kaj enirigis min en plej belan kabaneton. Poste la negroj redonis al mi la poŝhorloĝon, tiun-ci kajeron kaj la naztukon. La armilojn mi ne ricevis. Post tio ekkomenciĝis stranga vivo. Oni nutregadis min, aranĝadis je mia honoro sanktajn dancojn. Bedaŭrinde, mi preskaŭ ne komprenis ilian lingvon. Kiam mi trapasas la vilaĝon, la virinoj genufleksas.

24 *Majo*. Ĉiu mia eta deziro plenumiĝas senpokraste. Mi estas ia speco de reĝo. Tamen, mi intencas forkuri. Laŭ miaj kalkuloj, la rivero Uele flua, suden kaj ne tre malproksime de tie.

Ĵus alvenis la informo flanke de la Pola registaro, ke ĉiu, kiu deziras veturi al la Kongreso en Wien, devas fari simplan petskribon al la Pola Ministerio por Instruado en Varsovio. Li nepre ricevos la pasporton, veturos je rabatita vizokosto de zloty 80 (okdek) kaj ĝuos krome 33 procentan rabaton sur la polaj fervojoj.

Ĝis fino de junio validas la rabatita kotizo de *sv. fr.* 25.50 kaj por familianoj *svis. fr.* 16.—. Kotizo por gejunuloj malpli ol 18-jaraj *sv. fr.* 18.80. Nepre rapidu aliĝi.

Ĵus aperis aparta varbfolio, 4-paĝa, kiu enhavas la tutan programon de la kongreso kaj la informojn pri la ekskursoj kun la koncernaj prezoj. Postulu ĝian senpagan alsendon! Rapidu aliĝi al la ekskursoj, ĉar je la fino ni eble ne povos jam garantii al ĉiuj la partoprenon escepte la ekskurson « B » en Wien.

Helpu nin kaj havigu al vi bonan lokon per tuja aliĝo!

Brazila Ligo Esperantista, Rio de Janeiro, informas nin, ke la registaro de Brazilo jam nomis sian oficialan reprezentanton por la 28-a, nome s-ron d-ron Roberto Mendes Goncalves, sekretarion de Brazila Ambasadorejo en Aŭstrio.

Ĵus aperis nova riĉe ilustrita gvidfolio 16-paĝa pri Wien kun modernigita enhavo. Nova eldono de la gvidlibro pri Aŭstrio estas nun presata kaj aperos en proksimaj tagoj. Ambaŭ riceveblaj kontraŭ resp. kupono.

LOKA KONGRESA KOMITATO.

# Aŭstrio el la vidpunkto de l' turismo

Danubo estas la plej malnova vojaĝ-vojo al Aŭstrio. Depost la fino de l'17a jarcento veturis la « ordinar-ŝipoj » de Regensburg al Wien. Ilia veturplano restis preskaŭ 150 jarojn la sama. Sur Danubo aŭ sur ties bordoj migris la pompoplenaj ambasadoraj karavanoj de l'Sultano kaj la « imperiestre-reĝaj privilegiitaj turkaj grandkomercistoj » al la malnova imperiestra urbo. Kun la komenco de vapor-



LOĜDOMO DE SCHUBERT.

navigado fariĝis la signifo de l'riverego kiel vojo de l'persona trafiko ankoraŭ multe pli alta. Povas esti, ke Danubo grandaparte jam perdis tiun ĉi funkcion depost la grandioza disvolvo de fervojoj, evoluo de regula flug- kaj aŭto-servo precipe por la moderna *rapida* trafiko, tamen ĝi tute konservis sian rolon kiel portanto de ekskursa kaj plezura trafiko, kiel subtenanto de l'tradicio de romantika vojaĝado kaj formas, dank' al la kunagado de l'hejmlandaj trafikiloj,



PLACO DE SA. STEFANO.

Post tiu noto la ĵurnalo finiĝas. La detaloj de la forkuro mi esperis ricevi persone de Adams dum la morgaŭa renkonto.

La sekvintan tagon okazis al mi esti en la Nacia Biblioteko por miaj personaj aferoj. Mi ekdeziris trovi sur la karto la teruron vojon, faritan de Oliver Adams. La servisto alportis al mi gigantan atlason, kiun prilaboris tri akademioj kaj centoj da unuagradaj geografistoj. Mi malfermis la karton de Afriko. Jen la lago Viktoria, lago Ĉad, Kirunga, Bahr-el-Gazar. Ĉiuj ekzotikaj nomoj. Sed strange, de l'unua momento mi ekvidis ke io ne marŝas. Aŭ la atlaso estis verkita de malkleruloj, kio estis malfacile supozi, aŭ Adams mensogadis en sia ĵurnalo. Laŭ la karto konstateble estis, ke li ĉiutage faris tricent kilometrojn, transpaŝis ĉenegojn de montoj en la distanco de ducent kilometroj flanken, intermiksadis la urbojn, kiel maldiligenta lernejano.

« Kia mistifiko! — mi pensis, — nu, ni supozu ke li estas mensongulo, sed kial li bezonis enmanigi al mi sian ĵurnalon? »

Je la kvina, ŝarĝita de kelkaj geografiaj sciigoj pri Centra Afriko, mi atendadis Adams en la kafejo. Nek tiun-ĉi tagon, nek poste (mi tamen de tempo al tempo estis vizitinta la kafejon) la afrika ĉasisto ne plu reaperis.

*El rusa lingvo Tradukis* M. OUMANSKI.



Duko de Reichstadt.

ankaŭ enirpordegon por vizitoj al nia tuta ŝtato. De Danubo, antaŭ ĉio de Wien kaj Linz, estas ĉiuj landoj de Aŭstrio facile kaj oportune atingeblaj. Kiu foje travivis la belecon de l'Aŭstria Danubo, tiun unikan simfonion el naturo kaj verkoj de homa mano, kiu sentis tiun aorton de miljara mond-historio, tiu estos des pli logata konatiĝi kun la tuta lando en la koro de Eŭropo, kun la tuta Aŭstrio.

Oni ne bedaŭros, ke oni obeis al tiu logado, ĉar nenia alia lando de nia kontinento montras sur malgranda spaco similan abundecon kaj variecon de la bildoj.

Ankoraŭ en la regiono de la metropolo, ĉe la rando de l'ĉarma Viena Arbaro, leviĝas la Antaŭalpoj ĝis 2000 m da alteco. Rax kaj Schneeberg estas, por tiel diri, la hejmaj montoj de Wien, kaj Semmering, ankoraŭ antaŭ nelonge sovaĝa montpasejo, estas hodiaŭ loko de monduma refreŝiĝo kaj amuzo. Kiu serĉas la profundebenaĵon kun ĝia vasta horizonto kaj ĝia melankolia agordo, trovas en Burgenland la plenumiĝon. Nur kelkaj horoj apartigas nin de la bluaj lagoj de Karintio kaj Salzkammergut, de la vastaj montarbaroj de la verda Stirio; unutaga vojaĝo portas nin en la altmontaran mondon de Salzburg, Tirol kaj Vorarlberg.

Vojaĝi en Aŭstrio signifas, por uzi vorton de Georges Duhamel, « vojaĝi ne nur en la spaco, sed ankaŭ en la tempo». Sur ĉiu loko ni sentas la ĉarman sintezon el nuntempo kaj pasinteco; ne nur ĉe la multaj altaj burgoj kaj kasteloj, la vast-ampleksaj abatejoj, sed ankaŭ ĉe la aŭstriaj urboj. Jen estas Wien, dum jarcentoj la restadejo de la romaj imperiestroj de l'germana nacio, kun la grandioza gotika katedralo de S-a Stefano, la barokaj palacoj, la Ring-strato, kun la pompaj konstruaĵoj de l'brila Francisko-Jozefa erao; Graz ĉe la piedo de Schlossberg, tute dronanta en verdaĵo, kun siaj belaj renesanc-konstruaĵoj; Salzburg, la vivigita barok-fabelo de Aŭstrio; Linz kun sia grandioza ĉefplaco, Klagenfurt kaj Villach kun siaj jam sude impresantaj stratoj; Innsbruck, la defenda loko sur la malnova imperiestra strato trans Brenner kun siaj arkadoj el la tempo de la dukoj kaj kun la potenca, en la fono leviĝanta Martinswand; la ĉarma Bregenz ĉe samnoma lago; Eisenstadt, la agrabla ĉefurbo de Burgenland — kiu povus kalkuli ĉiujn tiujn ĉi belajn urbojn de Aŭstrio! Kiu tramigras la aŭstrian pejzaĝon, tiu sentas, ke tie ĉi estas la hejmlando de la muziko, la naskiando de Haydn, Mozart, Schubert, Bruckner, Wolf kaj Strauss, la elektita hejmlando de Beethoven kaj Brahms.



Ĉambro de klasikulo Grillparzer.

Sed Aŭstrio estas ne sole la lando de la muziko kaj de la belaj artoj, la lando, kies muzeoj konservas preskaŭ nesuperrigardeblajn trezorojn de homa verkado, sed ankaŭ la lando, kiu jam pro la formacio de sia supraĵo devigis siajn loĝantojn al altaj teknikaj taskoj. Kuraĝaj fervojkonstrukcioj trapasas ĝiajn montarojn, tiujn de Semmering, Arlberg, de Tauern, de Brenner; modernaj stratoj malfermas al la trafiko ĉiam novajn pejzaĝojn de nekonata beleco, la zeniton signifos la nova strato supren al Grossglockner, kiu ĵus antaŭ nelonge estis finkonstruita.



Graben antaŭ 100 jaroj.

« Ĝi estas bona lando »... tiel resumas Grillparzer, la plej granda poeto de Aŭstrio, la avantaĝojn de sia hejmlando..., kiu la fremdulon invitas al vizito. Tie ĉi li trovas refreŝiĝon, senzorgiĝon; tie ĉi li ricevas impresojn, kiuj restas neforgeseblaj kaj lin ĉiam denove altiras per sia magia forto; nur unu aferon forgesas la fremdulo en la atmosfero de afableco kaj familiareco : ke li en Aŭstrio estas fremdulo.

Ĉiu trovas, kion li serĉas; la solecan montvojeton, la sunleviĝon en la grandioza glaci-montaro, la monduman vivon de la metropolo kun ĝiaj plezurejoj, la pacajn stratetojn de l'alpaj urbetoj, la gajajn bordbanejojn de klaraj montar-lagoj, la grandajn bibliotekojn, institutojn por esplorado kaj studado, la elegantajn ludosalonojn, la famajn ŝtatteatrojn kun iliaj modelaj prezentadoj de dramoj kaj operoj kaj la lokojn de facila muzo : operetojn kaj burleskojn, brilverkojn de Viena humoro de aŭstria facilviveco.

Ĉiu speco de l'sporto estas en Aŭstrio praktikata.

En la kuraclokoj de Aŭstrio trovas la malsanulo refreŝiĝon kaj resaniĝon : Bad Gastein, Baden apud Wien,

Gleichenberg, Bad Ischl, Tatzmannsdorf, Bad Shallerbach, Bad Deutsch-Altenburg, por citi nur kelkajn, estas same kiel niaj kuracistaj lernejoj, kuracejoj kaj sanatorioj konataj kaj ŝatataj malproksime trans la limoj de nia lando.

Ne sole tio, kion ĝi donas, faras Aŭstrion lando por fremduloj, sed ankaŭ la maniero *kiel* ĝi tion faras.

Aŭstrio bonvenigas ĉiun. Se sur unu flanko al la pretendema gasto staras al dispono luksaj hoteloj kun ĉia komforto je prezoj, multe malpli altaj ol tiuj de aliaj landoj, do sur alia flanko la modesta vojaĝanto, la turisto kun la dorssako trovas loĝon kaj nutron je kondiĉoj, ebligantaj ankaŭ al li, ĝui la belaĵojn de la lando. Lin atendas ankaŭ en la foraj montvaloj oportunaj, brile puraj gastejoj kaj gastamaj montkabanoj.

La trafikiloj de Aŭstrio zorgas por ĉiu poŝo kaj ĉiu temperamento. Montgrimpantoj, migrantoj, kaj veturantoj en faldboatoj ricevas same sian kontentigon kiel la pasaĝero de internaciaj luksaj trajnoj, kaj mont- kaj kablo-fervojoj kondukas la nelaciĝeman ĝuemulon supren al altaĵoj, kiuj antaŭe estis alireblaj nur al pasiaj turistoj.

Aŭstrio ĝojas, povi vin saluti !

Bonvenon en Aŭstrio !

D-ro Franz Strafella,
*Prezidanto de « Oesterreichische Verkehrswerbung » (Aŭstria Fremdulvarbado).*

---

## KONKURSO KUN GRAVAJ PREMIOJ POR POETOJ KAJ ARTTRADUKISTOJ

Por ricevi unuarangajn tradukojn de kvar kantoj konataj kaj originalan esperanto-tekston por unu, Literatura Mondo elskribis publikan konkurson kun premioj de svfr. 130.—. La premiitoj estos registritaj inter la tradukontoj kaj verkontoj de la tekstoj de gramofondiskoj, fabrikotaj en granda nombro de grava sveda firmo, kiu siatempe por ĉiu traduko pagos honestan honorarion. Detalojn pri ĝi sendas al ĉiu petanto *senpage* LITERATURA MONDO, Budapest IX. Mester-u. 53. Hungarujo.

## La Komitato de la Esperanto-Asocio en Ĉeĥoslovaka Respubliko (E. A. Ĉ. R.)

Al la Komitato de la E.A.Ĉ.R. apartenas :

Prez. Dr. Stan. Kamaryt — Bratislava, Vicprez. Ph Mr Franz Höfert — Znaim, Vicprez. Otto Ginz — Praha, Ĝen. sekr. Frant. Stanek — Praha, Kasisto J. Friedrich — Košice, Sekretario Josef Karl Donner — Plan apud Marienbad, Librotenisto Theodor Kilian — Trebiĉ ; Robert Bloch — Praha ; Frant. Heikenwälder — Prostejov ; Ludoviko Krysta — Český Tesin ; Jaroslav Ŝustr — Praha ; Jan Janda — Kolin ; Josef Koženy, — Ml. Boleslav ; Josef Poncza — Česky Tesin ; Miloslav Stanék — Praha ; Anna Tarantikovà — Praha.

Membroj de la Kontrola komisiono :

J. V. Dolinsky — Turĉ. Sv. Martin ; Leoš Feigenblatt — Kyjov, J. V. Ŝamla, — Brno, Ing. Lad. Krajc — Moravskà Ostrava, Ing. St. Ant. Vesely — Brno.

Estas starigitaj jenaj Komisionoj :

Oficejo — Propagando — Eldono de Bulteno — Gazetara Servo — Radio — Turismo — Literaturo — Ekspozicia materialo — Lernejaj aferoj — Studentoj — Junularo — Sciencaj aferoj — Normigaj aferoj — Poŝtistaj aferoj — Sekureca servo kaj kriminalistiko — Tramistoj.

## Ama Saluto

(Laŭ itala popol-melodio « E s'io fossi pesce, il mare passerei »)

*Se mi estus fiŝo,*
*min nenio tenus,*
*Naĝus mi tramare,*
*ĝis al vi mi venus.*
*Se mi birdo estus,*
*ho, por vin atingi,*
*Tra la nuboj volus*
*fluge mi min svingi.*

*Flugi aŭ tramare*
*naĝi mi ne povas*
*Kaj neniun vojon*
*vin revidi trovas.*
*Nur salutojn sendas*
*mi al vi por diri :*
*Mia kor' atendas,*
*ĝis mi ĉesos spiri.*

Karl Vanselow.

---

## Mortanta Patrino

*Ĉu mortis jam ?... Ĉu estas viva ?... Ĉu subite*
*Ekdormi ŝi sukcesis en dolor' ?...*
*— « Alportu la infanon » — diris iu sprite,*
*— Kaj metu ĝin ĉe arde flama kor'...*
*Kaj jen sur brusto, kie panja kor' batiĝis*
*Infano kaŝis kapon kun la plor'...*
*Ho, Ve !... Se ankaŭ nun ŝi ame ne vekiĝis*
*Silentas koro... Vivo estas for...*

S. Nadson. Trad. B. Giedra.
(El « Litova Stelo »)

---

## LA VIVO HAVAS CELON !

*La vivo havas celon.. .Jes !*
*Alportas venkon ĉiu horo.*
*Efektiviĝas kun sukces'*
*Plej belaj revoj de la koro.*

*La vivo havas celon... Nur*
*Necesas vidi ĝustan vojon*
*Kaj luta vivo kun plezur'*
*Liveros sencoplenan ĝojon !*

N. Nekrasov,
(El « Litova Stelo »).

## KRONIKO

— Antaŭ nelonge aperis slovaka Esperanto-ŝlosilo laŭ normoj de UEA. La asocio ĈSR, Praha 47 sendas 2 ekzemplerojn de la ŝlosilo por unu respondkupono.

— La dumonata lertegvidata franclingva revuo « Le Travailleur Espérantiste » (La Esperantista Laboristo) vigle batalas por la unuecigo de la esperantista laborista movado.

— Radio-Stacio CT3AQ Funchal (Madeira) dissendas marde, ĵaŭde kaj sabate sciigojn pri la Esperanto-movado je la 20h. (per mallonga ondo de 75 metroj). Estas rekomendinde priatenti tiujn dissendojn kaj skribi pri la impreso al Radio-Stacio, CT3AQ Funchal, Rua de S. Pedro, 3 Funchal, (Madeira).

— La mortinta s-ino Smaragda Nojarova postlasis testamente 100.000 levojn al la esperantistoj en Sofia (Bulgarujo). Tiu donaco ebligis al niaj sofiaj samideanoj organizi propran hejmon.

— Esperanto-lektoro Ĉeĥoviĉ el Kiev (Sovet-Unio) organizis internacian esperantistan aktorgrupon, kun kiu li dum ses monatoj faris propagandon por Esperanto en la suda regiono de la lando.

— En Las Palmas (Kanariaj Insuloj) aperis la unua numero de trimonata gazeto « Nia Idealo ». La programo estas unuecfronta laborista.

— S-ro Tadros Migalli en Fayum (Egiptujo) eldonis propagandajn glumarkojn kun araba kaj esperanta tekstoj kun bildoj de la sfinksoj kaj piramidoj. Por unu internacia respondkupono li sendas 24 diversspecajn glumarkojn.

— La ĵus alveninta marta numero de « La Revuo Orienta » enhavas detalan protokolon pri la 23a Kongreso de Japanaj Esperantistoj, okazinta 22-24 septembro 1935.

— La Tutmonda Kongreso de Katolikaj Esperantistoj okazos ĉi-jare 4-8 aŭgusto en Brno. Dum la kongreso estos starigita internacia ekspozicio de Esperanto.

— La Federacio de Laboristaj Esperantistoj en Nederlando havas nun pli ol 4.000 membrojn. La elementajn kursojn de ĝi aranĝitajn partoprenis 4.550 gelernantoj, la daŭrigajn kursojn 1.350 kaj la infanajn 700.

— En Norvegujo dum la lastaj 5 jaroj la Esperanto-kursoj estis vizititaj de rondcifere 10.000 personoj.

— La 7-a Pollanda Kongreso de Esperanto okazos ĉi-jare en Krakov la 31 majo-1 junio.

— "Internacia Lingvo-normigo" de D-ro E. Wüster estas mallongigite tradukita ruslingven. La traduko estas prilaborita de eminentaj fakistoj kaj eldonita de la ŝtata eldonejo por normigo.

— Dum 1935 la gazetaro de Norvejugo publikigis ĉ. 900 artikolojn pri Esperanto.

— La Rumana Esperantista Societo, Str. Dr. Istrati, 10 Bukureŝto, aranĝas publikan ekspozicion kaj petas pri urĝa alsendo de taŭga materialo.

---

La 1an de aprilo S-ro Teo Jung, redaktoro de « Heroldo de Esperanto », perdis sian patron, S-ron Heinrich Jung, mortintan en aĝo de 75 jaroj. La redakcio de « Esperanto » tutkore kondolencas la funebrantajn familianojn.

---

— Okaze de sia 25-jara jubileo la Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la nederlanda lingvo eldonis imponan 160-paĝan jubilean libron kun multaj ilustrajoj kaj interesa alia materialo. Pro propagandaj konsideroj la libro estas eldonita en nederlanda lingvo.

— La prezidanto de la Societo Turisma de Esperantistoj en Polujo (str. Leszno 99 m. 5. Tel. 5-98-37, Varsovio), S-ro Bronislaw Wyszynski, konsilanto en la Trafikministrejo, volonte informas eksterlandajn samideanojn pri turismo en Polujo, organizas interŝanĝajn ekskursojn kaj laŭeble helpas al alilandaj turistoj.

— Dank'al iniciato de S-ro Saldanha Carreira la portugala jurnalo « Respublika », aperanta en Lisboa publikigas ĉiumonate artikolojn pri Esperanto.

— La skolta gazeto « Thang-Tien », aperanta en Hindoĥinujo, regule publikigas Esperanto-paĝon.

— La fama japana fabriko de gramofondiskoj N.hon Ĉikuonki Ŝookai eldonis du diskojn en Esperanto (Nr J 13300 kaj J 13301 ĉe Columbia).

---

## PORTUGALA-ESPERANTA VORTARO

Antaŭ nelonge okazis ĉe la sidejo de Brazila Ligo Esperantista (Rio-de-Janeiro) kunveno de la anoj de Brazila Klubo Esperanto por la prezentado de la ĵus aperinta « Portugala-Esperanta Vortaro », verkita de s-roj A. Couto Fernandes, Carlos Domingues kaj d-ro L. Porto Carreiro Neto. Prezidis la kunvenon generalo Moreora Guimaraes, prezidanto de la Geografia Societo, honora membro kaj eksprezidanto de la klubo. Pri la verko, kiu havas 506 paĝojn kaj ĉirkaŭ 26.000 vortojn, detale parolis d-ro Porto Carreiro. Li rimarkigis la ĉeestantaron pri la plifacilajoj, donitaj de la Ministrejo por Internaj Aferoj al B.L.E. por la presado de la vortaro ĉe la Ŝtata Presejo, kies nuna direktoro estas malnova kaj fervora esperantisto, eksprezidanto de Sudbrazila Esperantistligo, Majoro Viterbo de Carvalho, kiu helpis rapidigi la aperon de la vortaro.

La direktoro de la Ŝtata Presejo dankis pro la vortoj de D-ro Porto Carreiro kaj gratulis la estraron de B.L.E. pro la apero de tiom grava verko, kiu multe helpos la propagandon de Esperanto ne nur en Brazilo, sed ankaŭ en Portugalujo, el kiu jam alvenis multaj antaŭmendoj.

---

## Du gesamideanoj piede ĉirkaŭ Mediteraneo

La Svisoj, S-ro Attilio Denicola kaj F-ino Regina Zimmermann, meze de aprilo ekmarŝis de Zürich en piedan rondiron laŭ jena vojplano :

Zurich — Genève — Lyon — Toulouse — San Sebastian — Bilbao — Porto — Lisboa — Sevilla — Cadiz — Kanariaj Insuloj — Casablanca — Fiz — Oran — Alger — Tunis — Alexandria — Jerusalem — Ankara — Istambul — Saloniki — Athènes — Zara — Agram — Innsbruck — Zürich.

La ekskurso daŭros ĉirkaŭ du jarojn. La ekskursantoj faros paroladojn en vilaĝoj kaj urboj pri Svislando en la lingvoj Esperanto, angla, franca, germana, hispana, itala kaj portugala.

Projekciilon kun ekrano kaj diapozitivoj ili kunportas en siaj dorssakoj.

Interesitaj Esperanto-grupoj povas interrilatiĝi kun la ekskursantoj per jena adreso : S-ro E. Bendel, Arnoldgasse 40, *Zurich* 4, (Svislando).

## Interesa statistiko

Dum la jaro 1935 estis venditaj de la Esperanta biblio en Germanujo 123, en Aŭstrio 2, en Hungarujo 2, en Ĉeĥoslovakio 28, en Polujo 10 kaj en Svislando 3, entute 168 ekzempleroj. En 1934 estis venditaj 233 ekzempleroj.

La ĝenerala nombro de disvenditaj biblioj en diversaj lingvoj estis 337.429 en 1934, kaj 350.614 en 1935.

## Novaj Gvidlibroj de Ĉeĥoslovakio

— La Ĉeĥoslovaka Ministrejo de Fervojoj ĵus reeldonis (10-a eldono) tre belan 32-paĝan Esperanto-gvidlibron tra Altaj Tatroj, kun trikoloraj kartoj kaj granda nombro da modele reproduktitaj fotografaĵoj. La Ŝtataj Fervojoj eldonis samampleksan kaj sambonaspektan Esperanto-gvidlibron tra la Montaro Krkonoše (Riesengebirge). Ambaŭ broŝuroj estis tradukitaj de nia eminenta samideano, s-ro Ginz. La Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista reeldonis riĉenhavan ilustritan gvidfolion pri Praha. Ĉiuj tri broŝuroj prezentas valoran pliriĉigon de nia turisma literaturo. La partoprenontoj de la 28-a Universala Kongreso povas ricevi senpage la gvidlibrojn ĉe Ministrejo de Fervojoj — Praha, la gvidfolion ĉe la Esperantista Asocio, Praha, 47.

## Jubileo de la Norvega Esperantista Ligo

Antaŭ kelkaj semajnoj la Norvega Esperantista Ligo solene festis sian 25-jaran jubileon. Ni tutkore gratulas niajn norvegajn samideanojn kaj prezentas al ili niajn plej sincerajn bondezirojn.

## INFANKURSOJ

Multaj fervoraj geinstruistoj entuziasmigis « siajn » infanojn kaj ŝatus komenci Esperanto-instruadon, sed pro manko de lerniloj speciale taŭgaj por infanoj ne povis efektivigi sian deziron. La Cseh-metodo estas aplikata de kelkaj, sed multaj punktoj en ĝi ne tre taŭgas.

La Cseh-instruistino kaj pedagogo F-ino M. Saxl dum la lastaj jaroj ofte okupis sin pri tiu grava problemo kaj instruis Esperanton en multaj infankursoj. Interkonsente kun S-ro Cseh ŝi kreis nun specialan Cseh-kurson por infanoj. Ŝiaj sukcesplenaj infankursoj en Nederlando antaŭ nelonge pruvas, ke ŝi trovis la ĝustan vojon al la infanoj.

En la venonta somero F-ino Saxl gvidos en Helsingor preparan kurson por Cseh-metodaj instruistoj (26 julio-5 aŭg. en la Internacia Altlernejo, Helsingor, Danlando. Prospektoj haveblaj ĉe *Dana Esp.Instituto, Thyrasvej* 15, *Aabyhoj, Danl.*) kaj dediĉos parton de tiu kurso al preparo de instruistoj kiuj volas gvidi infankursojn laŭ adaptita Cseh-metodo. La temoj de tiu parto estas : Aranĝo de infankursoj, Aplikado de la metodo, Praktikaj provekzemploj, Psikologiaj konsiloj al instruontoj, Raporto pri sperto, Diversaĵoj.

Ĉiuj geinstruistoj estas atentigataj pri tiuj kursoj, ĉar estas tre grave, ke kiel eble plej multaj infanoj lernu, kaj ke la instruistoj havu la plej taŭgan metodon por tio. Certe multaj diverslandaj instruistoj kaj samideanoj venos al Helsingor (Danlando), por konatiĝi kun la *sukcesplena Cseh-metodo por plenaĝuloj kaj por infanoj, kaj samtempe ĝui malmultekostan ferion en tiu belega regiono apud la maro kune kun multaj diversnaciaj samideanoj.*

L. Friis, *instruisto, Aabyhoj, Danlando.*

## KLARIGOJ KAJ KONSILOJ

15) *F-ino B. en F.* Eĉ gvidfolioj en Esperanto havas grandan propagandan signifon. Eldonitaj plejparte de publikaj institucioj, ili montras la valoron, kiun oni priskribas al nia lingvo en seriozaj influaj medioj. Sed ni ne nur gvidfoliojn havas. Nia faka literaturo posedas nun aron da tre interesaj, riĉenhavaj kaj modele aspektaj gvidlibroj. Ni nomu ekzemple la gvidlibron, eldonitan de la Itala Turisma Klubo okaze de la Roma Kongreso, « Romo kaj ĉirkaŭaĵoj ». La gvidlibro havas 228 paĝojn, 4 kartojn kaj 28 planojn, estas bele bindita kaj sukcese konkuras la plej bonajn nacilingvajn gvidlibrojn.

16) *S-ino Z. en P.* Vi volas plenumi vian « Esperantan devon » kaj surhavi Esperanto-signon. Vi tamen ne scias, kian signon aĉeti — ĉu grandan aŭ malgrandan. Kvankam komplika, la problemo povas tamen esti solvita, se ni konsideros, ke la stelo estas bezonata ne por vi mem — vi certe havas ĝin en via koro — sed por aliaj : ke oni sciu, ke vi povas esti alparolata en Esperanto. La stelo do devas esti videbla.

17) *F-ino B. en G.* Vi suspektas, vi estas « eĉ certa », ke la personoj, de vi nomitaj, laboras por Esperanto ne pro interna konvinko, ne pro sincera entuziasmo, sed nur pro ambicio. Estas tre malfacile tamen legi en fremdaj koroj kaj mensoj, sed ĉu vi kredas, ke tio estas necesa kaj utila ? Estas tre verŝajne, ke Ameriko estas malkovrita dank'al la ambicio de Kolombo. Kaj ĉu oni konas la motivojn, kiuj instigis Edison fari siajn inventojn ? Ĉu estus ne pli racie juĝi agemajn homojn nur laŭ iliaj agoj ?

18) *S-ro S. en F.* Eble vi pravas opiniante, ke pli agrable estas surhavi sur la refaldo de la frako Honorlegian Ordenon ol la esperantan signon. Estas demando de gusto. Sed vi devas havi iom da pacienco. Ni volas esperi, ke post 25 jaroj oni povos alparoli esperante ĉiun personon renkontitan en la strato. Tiam esperanta signo ne plu estos bezonata kaj vi ne estos plu devigata surhavi ĝin.

19) *S-ino K. en A.* Vi opinias, ke nur novaj vojoj povas alkonduki nin al sukceso. Verdire estas tute neklare, kiuj vojoj estas novaj kaj kiuj malnovaj. Estas certe, ke multaj vojoj ŝajnas al ni novaj, nur ĉar ni ne sufiĉe bone konas la pasintecon. Ĉetere ĉu eminentaj kuracistoj aplikas ĉiam novajn rimedojn ? Ili devas nur ĝuste utiligi la rimedojn, jam ekzistantajn, plejparte jam studitajn. Ni ne forgesu tion kaj ne troigu en la serĉado de « novaj vojoj ».

20) *S-ro S. en E.* Vi ne kredas, ke Esperanto kapablas kunfratigi la homajn gentojn kaj feliĉigi la homaron. Ne ĉi-tie estas la loko pritrakti tiun problemon. Sed ĝenerale ĉu ekzistas universala kuracilo por la malsanoj de la homaro ? Tiuj el ni, kiuj havas interrilatojn kun fremdlandanoj povas en sia ĉiutaga sperto konstati, kiun grandan disigilon prezentas la lingvomalsameco kaj kiom mirindan proksimigan rolon ludas komuna lingvo.

*M. M.*

# Ĥinaj proverboj

*Hejme oni dependas de siaj gepatroj; for de la hejmo — de amikoj.*

*Pli facile estas kapti ol liberigi tigron.*

*Faru vian eblon kiel homo kaj la ceteron lasu al la ĉiela ordono.*

*La homa vivo estas kiel rapida ĉevalo fendon preterpasanta.*

*Multo da infanoj — multo da zorgoj.*

*Bone prosperas ĉio, kiam en familio regas harmonio.*

*Akvo disverŝita estas malfacile rekolektebla.*

*Inter dek aferoj en la mondo ofte ok ĝis naŭ malkontentigas.*

*Pli bone estas vidi homon ol aŭdi lian bonamon.*

*Kiam perdiĝis la lipoj, tiam malvarmon sentas la dentoj.*

*Kiam sur monto ne estas tigro, la simio proklamas sin reĝo.*

*Pli facile estas iri de ŝparemo al ŝparemo ol male.*

*Du granduloj ne povas stari flankon ĉe flanko.*

*Najbaro proksima estas pli bona ol parenco malproksima.*

*Paroli multe ne estas preferinde ol paroli malmulte; paroli malmulte ne estas preferinde ol paroli bone.*

*Kun ĝentileco oni povas vojaĝi tutan mondon; sen ĝi — apenaŭ fari unu paŝon.*

## WIENA KATOLIKA UNUIĜO ESPERANTISTA

— La ĉijara Ĝenerala Kunveno de la Wiena *Katolika Unuiĝo Esperantista (KUE)* okazis la 22an de marto. Kiel estraro estis elektita — prez.: Leopold Chiba, sekretario: Walter Mudrak, kasisto : Dir. Hans Schiebl.

La *leteradreso* estas : K.U.E.-Wien, prez. S-ro Leop. Chiba, Wien (Aŭstrujo), IV. Schaŭmburgergasse 5.-25.

*Kunvenejo* (ĉiu merkredo) : Wien, I. Freyung 6.

## Imitinda Organizo

Per interkonsento de ĉiuj Esperanto-unuiĝoj en Amersfoort (Nederlando) tie fondiĝis « Esperanto Propaganda Komitato », kies celo estas propagandi Esperanton, en la plej vasta signifo de la vorto. Oni fiksis la celprogramon kaj provizore elektis prezidanto samideanon W. Koopmans, kiu ankaŭ estas la iniciatinto de la fondo de l'komisio. La adreso de la sekretariejo estas provizore ĉe li, nome : Edisonstraat 15, Amersfoort. Kunlaboras la lokaj sekcioj de « Nederlanda Katoliko », de la Federacio de Laboristaj Esperantistoj, de la Nederlanda U.E.A. reprezentanto, « La Estonto Estas Nia (L.E.E.N.) kaj la Nederl. Esp-o Gruparo.

## "La Pirato"

La satira monata revuo, kiu dum sia mallonga vivo sukcesis akiri ĉiulande multajn amikojn ĉesis aperi. La revuo havis sian propran originalan vizaĝon kaj stilon kaj certe multaj bedaŭros ĝian sinmortigon.



## INTERNACIA KORESPONDADO

Tri vortoj kostas sv. Frk. 0.30 ( = 1 respondkupono). La nombro de vortoj ne estas limigita. Ĉiu el mallongigoj, mulsupre indikitaj, valoras unu vorton.

**Mallongigoj :**

*c.r.*: certe respondos.
*dez.* deziras.
*f-ino*: fraŭlino.
*gaz.*: gozeto.
*intŝ.*: interŝanĝo.
*k.ĉ.l.*: kun ĉiuj landoj.
*kor.*: korespondi.
*L.*: Letero.
*p.ĉ.t.*: pri ĉiu temo.
*PI*: poŝtkarto illustrita.
*PK*: poŝtkarto.
*PM*: poŝtmarko.
*s-ino*: sinjorino.
*s-ro*: sinjoro.

---

*Armavir* (Kaŭkazio — URSS). S-ro K. Hagman, Glavnaja poĉta do vostrebovanja, dez. kor. en Esperanta, itala, hispana, franca kaj portugala lingvoj kaj petas rumanajn esperantistojn helpi lin studi la rumanan lingvon. L., PI.

*Kaposvár* (Hungarujo) F-ino Valeria Melich, Kálvária u 13, gimnazion fininta junulino dez. kor. k.ĉ.l., L., PI., c.r.

*Balkany* (Hungarujo). Mária Ihász, filino de del. intŝ. precipe popolkostumojn, sed ankaŭ aliajn, ĉiuspecajn PI kaj L k.ĉ.l. ; c.r.

*Szigetvár* (Hungarujo). S-ro Imre Steiner, bankoficisto, intŝ. PM kontraŭ sama kvanto, kor. pri bankaferoj kĉl.

*Milano* (Italujo). S-ro Giavanni Tanzi, Via Bronzetti 38, intŝ. banajn PM kun la tuta mondo.

*Franconville* (S. et O, Francujo). S-ro Roger Platel, rue Rude 9, 28 jara franco dez. kor. kun dana F-ino pro libertempo en Danujo.

*Amsterdam* (Nederlando). S-ro N. Zilver, Damrak 95, PM.

*Wien* (Aŭstrio). S-ro Adolfo Köhler, XIX Heiligenstädterstr. 56-13, juna gaja vienano intŝ. PI kun la inaro pe la tutmondo.

La Germana Esperantista Grupo en Böhm. Leipa aranĝos la 22-an de junio 1936 grandan LETER-VESPERON kaj skribu multnombre. Garantiata respondo por ĉiuj skribintoj. Sendu leteron kaj karton al la Ia Germana Esperantista Grupo en Böhmisch-Leipa (Ĉeĥoslovakio).

## Malnova samideano, Sinjoro Towet

iam loĝinta en Essen (Blumenthalstrasse), en 1923 forveturinta al Rio de Janeiro, Brazilo, nun mininĝeniero, estas serĉata de la UEA-Delegito : S-ro L. G. C. de Jong, Roelofarendsveen B 138, *Alkemade* (Nederlando).

## UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO
## LIBRO-SERVO

1, Tour de l'Ile, GENÈVE

(3-a listo)

**Baghy, Julio.** — La Vagabondo kantas .. *Broŝ.* 1,25

**Baudouin, Charles.** — La Arto de Memdisciplino : Psikagogio Biblioteko Tutmonda N-roj 5-6 ........ *Broŝ.* 1,75

**Frank, Leonhardo.** — La patro, skizo kontraŭmilita. *Broŝ.* 0,30

**Gual, Adrià.** — Mistero de Doloro. Dramo en tri aktoj. *Broŝ.* 1,20

**Krysta, Ludw.** — La senvola svatanto. Unuakta teatraĵo kun kanto " Krystalo " ............ *Broŝ.* 0,40

**Krysta, Ludw.** — Marionetaj Ludoj, ilia prezentado, kaj unu " Terpoma tragedio " ........... *Broŝ.* 0,40

**Lagerlof, Selma.** — La junulino el Stormyr *Broŝ.* 1,20

**Lagerlof, Selma.** — La mono de Sinjoro Arne *Broŝ.* 1,20

**Mahen, Jiri.** — La koboldo Ondra ....... *Broŝ.* 0,90

**Mérimée, Prosper.** — Mateo Falcone kaj aliaj rakontoj Biblioteko Tutmonda N-ro 1......... *Broŝ.* 0,90

**Nothnagel, Hermann Prof. D-ro.** — La Mortado. *Broŝ.* 0,50

**Raimund, Ferdinand.** — La Malŝparulo.. *Broŝ.* 1,25

**Schwartz, Raymond.** — La Stranga Butiko *Broŝ.* 2,50

**Vladyka, Ladislav.** — Mi en li .......... *Bind.* 3,25

**Uitterdijk, Dreves L. K.** — Miraklaj Aventuroj de Sinjoro Longkrurulo. Rekomendita de la Esperanto Literatura Asocio ......................... *Broŝ.* 2,50

**LA PREZOJ ESTAS INDIKITAJ EN SVISAJ FRANKOJ**

**POR SENDKOSTOJ ONI ALDONU 10 procentojn.**





L'IMPRIMEUR-GÉRANT : GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE. 406-5-36.